


JARO 7, NO. 3
JANUARO 1955

## NIA KONGRESO EN ZURICH

**Informilo no. 2.**

**Nia programo.** La laboroj de LKK jam tiom progresis, ke eblas mencii kelkajn detalojn, instigajn al partoprenado. Ĉiuj aranĝoj de la kongreso okazos en la sama konstruaĵo: Limmathaus. LKK ne timas la kostojn por kontrakte certigi al si tiun praktikan restoracio/hotelon.
La Kongresa Malfermo estu pli solena, oficialuloj, gastoj kaj landaj reprezentantoj lokiĝos sur la scenejo. Plej fama oratoro promesis al ni la festan paroladon. SBB por la unua fojo promesis oficialan reprezentanton al la kongreso. La filmvespero ebligos vojaĝon tra ĉiuj turisme interesaj regionoj de nia lando. Unika fariĝos la Folklora Vespero kun jodlistoj, kostumoj, standardĵetanto, alpkornblovanto, gimnastikado kaj kantado en la kvar naciaj lingvoj.

**Hotelprezoj.** Por eviti miskomprenon, ni sciigas ke la hotelprezoj menciitaj en *informilo no.1* validas por unulitaj ĉambroj.
Por dulitaj (dupersonaj) ĉambroj oni kalkulu maksimume la duoblan prezon. Je nia granda miro ni devis legi, ke la prezoj por loĝado en Zurich estas konsiderataj kiel altaj. Ni ne komprenas tian aserton, kiu nur povas baziĝi sur neplena informiĝo. Niaj prezoj estas efektive **malpli altaj ol en Lindau kaj Verona.** Ne forgesu, ke en niaj prezoj la matenmanĝo, servmono, imposto kaj kosto por perado de trafikoficejo estas enkalkulitaj. Tio aliloke ne estas kutimo, sed havas grandajn avantaĝojn. Kutime aldoniĝas al la publikigitaj prezoj amaso da kromspezoj, ofte ĝis triono de la ĉambrokosto. **En Zurich nepre ne plu aldoniĝos iu ajn kroma elspezo al la indikitaj prezoj.** Konsiderante tiun fakton vi konsentos kun ni, **ke Svislando estas nemultekosta lando.**
Krome, ni povis jam certigi al ni po 200 litoj en la du plejmalaltaj hotel-kategorioj. Por la kongresanoj do estas plej bone antaŭzorgita.

**Postkongresa vojaĝo.** Ni komprenas, ke por kongresanoj, venontaj kun sia edzino, nerajtigita al senpaga bileto, la veturkostoj ĝis Vevey faras certajn zorgojn. Ni promesas fari nian eblon ĉe SBB, ke edzinoj ĝuos plian rabaton aŭ senpagan veturadon. Pro taktikaj kaŭzoj LKK ne jam povis pritrakti tiun demandon kun la ĝenerala direkcio.
En proksima informilo sekvos pliaj informoj.
Gravas nun rapida alfluo de la aliĝiloj, nepre al via landa peranto, **por ke vi profitu de la favorkotizo** por IFEF-membroj, valida ĝis la 31-a de januaro 1955.
Ni ĝojas pri multnombra partopreno kaj salutas amike

BIWASONO-LKK.

## KOMUNIKOJ PRI LA POSTKONGRESA KONFERENCO EN SAARLANDO

En tiu ĉi bulteno vi trovas apartan aliĝilon kun mendilo por loĝejo.
Partoprenontoj bonvolu ĝin uzi. Mankas nur linio sur kiu oni menciu la funkcion aŭ rangon. Por tio oni uzu liberan lokon.
Jen io nova: En nia proksimeco loĝas katolika kaj evangelia pastroj.
Estas la estimataj sinjoroj Bergweiler kaj Degen, kiuj estas pretaj aranĝi je la 15-a de majo (la dua postkongresa tago) diservojn.
Estus tre impresiga propagandago por nia lando. Se iuj partoprenontoj deziras ĉeesti la diservojn, ili bonvolu anonci sin sur libera spaco de la aliĝilo per jenaj manskribaj vortoj: *Mi partoprenos diservon katolikan (evangelian).
Por nealtranguloj ni penos havigi ĉambrojn malplikostajn. Interesuloj tion menciu bonvole sur la aliĝilo.
La intereso en administracia kaj sindikataj rondoj estas granda. Helpu ankaŭ vi ke ni bone sukcesu. Precipe altranguloj povos krei fortan impreson. Necese estos ankaŭ, ke el **ĉiuj landaj karavanoj** de la ĉefkongreso en Zurich **partoprenu minimume unu parolonto**.
Bonvolu baldaŭ plenigi vian aliĝilon kaj sendi ĝin rekte al mi per poŝto. (atentu ke *Mandat-poste* ne estas uzebla en Sarlando).
Germanoj bonvolu pagi al s-ro Simon, KAISERSLAUTERN, Pariser Str. 300.
Alilandanoj povos sendi la aliĝilon rekte al mi sen mono kaj pagi post alveno.

**VOJAĜBILETOJ POR SARLANDO**

Partoprenontoj el landoj kun kiuj Sarlando havas libervojaĝan konvencion, petu vojaĝbileton por Sarlando ĉe siaj Administracioj.
Kolegoj el landoj kiel Anglio, Danio, Finnlando, Norvegio, Italio, Svedio kaj Svisio ne bezonas peti bileton por Sarlando, ĉar nia Administacio havigos ilin laŭ la invenintaj aliĝiloj.
Mi disdonos la biletojn en Zurich aŭ ĉe la limstacio.
Antaŭĝojante pri baldaŭa ricevo de via aliĝilo, salutas

Oskar Höh.

* * *

La IFEF-estraro kore dankas ĉiujn, kiuj afable sendis Kristnaskajn kaj Novjarajn salutojn.
Reciproke ni deziras al ĉiuj niaj anoj pacan kaj prosperan jaron 1955. Ĉiu streĉu siajn fortojn, por ke nia internacia movado kresku ne nur laŭnombre, sed ankaŭ kvalite.

La Estraro.

## LA VALORO DE BUŜA PROPAGANDO EN LA VARBADO POR ESPERANTO

En mia deĵorejo - lokomotivejo de Linz kun personalaro de eble 1200 personoj - mi jam estas bone konata pro mia persista propagando por nia esperanto. La kolegoj, kiuj troviĝas en la sama situacio, tre bone scias, ke tia varbado ofte ne estas agrabla pro primokado, fare de stultuloj kaj kontraŭuloj. Mi jam kutimiĝis al tio, konvinkas la prudentajn homojn kaj hontigas la mokantojn.
En la monato majo de tiu ĉi jaro alvenis en nia deĵorejo nova oficisto. Li estas (teknika) inĝeniero, vizitanto de la Akademio, 26 jara afabla kolego. Mallonge post lia alveno mi komencis interesigi lin por esperanto. Sed, ĉar li estas lerninta la latinan kaj parte ankaŭ la grekan lingvojn, li - kiel ŝajnis al mi - taksis nian esperanton kiel neplentaŭgan lingvon.
Komprenante ke mi ne sukcesas konvinki lin, mi ĉesis la varbadon kaj diris al li ke mi ne plue volas ĝeni lin per esperanto, ĉar mi estas tro fiera por fari tion.
Intertempe mi daŭrigis vendi Esp-lernolibrojn inter miaj konatuloj de la laborejo. Kaj vidu, post kelkaj tagoj venis *mia enĝeniero* kaj petis min vendi ankaŭ al li tian lernolibron. Kaj kio nun okazis estis la plej granda ĝojo, kiun mi travivis dum mia 28 jara aktiva laboro por esperanto. La inĝeniero nun komencis la studadon de la lingvo sen kurso. Post mallonga tempo inter la deĵoraj aktoj mi ricevis leteron de li. Mi korektis ĝin hejme kaj skribis respondon.
La korespondado en tia formo funkciis bonege. Intertempe li sciigis al mi, ke lia edzino - ŝi estas kuracistino en malsanulejo - kun la sama intereso kaj energio studas la lingvon esperanto.
Li petis min prizorgi al li korespondan adreson en Hispanio, ĉar li kun sia edzino intencas veturi okaze de libertempo en tiun ĉi landon. Tuj mi plenumis lian peton kaj informis en Valencia s-anon pri la deziro de *mia inĝeniero*.
La respondo el Hispanio venis post mallonga temp. Kun ĝojo oni antendis la novan s-anon kun la edzino.
Kaj nun, jam post kelka tempo la inĝeniero en deĵora trafiko kaj ankaŭ private ne plu parolis en germana lingvo kun mi, eĉ ne unu vorton.
Li parolas bonege, kaj la gekolegoj en nia Esp-klubo - la 29an de septembro li la unuan fojon partoprenis - treege miris pri la nova s-ano, kiu tiel rapide fariĝis perfekta esperantisto. Mankas al li ankoraŭ nur sufiĉe granda trezoro je esperantaj vortoj.
Solene mi jam transdonis Esp-insignon al li kaj al lia edzino, ĉar ili fakte estas rajtigitaj porti ĝin.

La 2-an de oktobro la ge-anoj Tscham - mi nun do mencias la nomon - ekveturis al Hispanio kaj mi estas konvinkita, ke la praktika uzado de la lingvo nun forprenos de la inĝeniero la lastajn dubojn pri la taŭgeco de Esperanto kiel monhelplingvo.
Post reveno s-ano Tscham la 21an de oktobro raportis en la klubkunveno pri la Hispana vojaĝo. Dum unu horo li raportis en Esperanto sen skriba helpo pri la vere tre interesaj travivaĵoj en tiu ĉi bela lando.
La s-anoj en Hispanio en modela maniero organizis la helpon por la geanoj Tscham. Ambaŭ eĉ devis paroli en Radio.
Ili nun mem spertis la valoron de Esp. kaj komencis jam vigle propagandi la lingvon en siaj rondoj, pere de iliaj raportoj pri la vojaĝo, kaj la rezulto ĝisnuna: kolego de li, ankaŭ inĝeniero, komencis kun entuziasmo la studadon de la lingvo.
Cetere mi sukcesis regajni kaj instigi malnovan samideanon - fakinstruisto - gvidi kurson. Tiu ĉi kurso, laŭ Ceh metodo, komenciĝis la 18-an de oktobro, kaj havas kontentigan nombron da vizitantoj: 20, grandparte fervojistaj oficistoj.
Tiu ĉi raporto do montras, ke oni ankaŭ en la nuna tempo kiu entute ne estas favora por esperanto, sukcese povas varbadi, se oni persiste kaj per buŝa propagando instigas la gekolegojn.

Hans Burger.

## KORESPONDPETOJ

Kolego Rees Perry, 51 William St. Tighes Hill, Newcastle, Aŭstralio, deziras korespondadi kun kolegoj en la tuta mondo.

Kolego Chr.de Kock, 2-e Nassaustraat 15.III, Amsterdam (W), Nederlando serĉas korespondanton.

Kolego J.Vermeulen, Von Liebigweg 20, Amsterdam (O) deziras korespondi.

## PRI NIA SUKCESO EN HISPANIO

Kun la ĉeesto de la Prezidanto, la Sekretario kaj la Redaktoro de la Bulteno de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj kaj de kolegoj el Nederlando, Francujo kaj Portugalujo, la hispanaj fervojistoj kunsidis por fondi la landan fervojistan organizon.
La prezidanto de IFEF s-ro Stapel parolis pri ĉi tiu internacia organizaĵo, kiu atingis 1600 membrojn en 23 landoj, kaj menciis la celon de la internacia asocio, donante krome klarigajn respondojn al diversaj demandoj de la ĉeestantaro.
La sekretario s-ro Lok informis pri la necesaj laboroj por komenci la funkciadon de la organizo en preparo, kaj fine oni decidis fondi ĝin sub la nomo de Hispana Esperanta Fervojista Asocio.
Poste oni elektis la estraron, jene: Prezidanto s-ro J.Puértolas; Sekretario s-ro D.Bergés; Kasisto s-ro Francisko Trigo; Delegito en Barcelona s-ro Miró; en Badalona s-ro J.Saladrigas; en Gijon s-ro Menéndez

kaj en Valencia s-ro S.Diez Sanz de Andrinos.
S-ro Stapel invitis la Hispanajn kolegojn partopreni la estontan internacian kongreson en Zurich, kaj en la nomo de la IFEF bonvenigis la Hispanajn kolegojn en la tutmondan organizon kaj esprimis la deziron, ke nia rondo favore kresku. Kaj post tio oni finis la kunvenon.
Oni faris viziton al la fervojista lernejo, kie la direktoro tre ĝentile atendis la esperantistajn fervojistojn, akompanata de du fervojistaj instruistoj. Ĉi lastaj gvidis la vizitantojn tra la lern- kaj laborĉambroj, priskribante interesajn aspektojn pri la instruado en tiuj lernejoj. Ĉe la adiaŭo la direktoro sciigis la vizitantojn, ke li informos la estraron de la R.E.N.F.E. (Hispanaj Fervojoj) pri la vizito, ke li persone estas tre favora al la instruado de la lingvo Esperanto en la fervojistaj medioj, kaj ke laŭ lia opinio la estraro de la R.E.N.F.E. favoros nian movadon, ĉar la unua paŝo estis sukcesa.

Raportis D.Bergés.

## EKSPOZICIO FERVOJA EN LE MANS

La venontan jaron, en majo, okazos en Le Mans (Francio), la centjara datreveno de la stariĝo de la fervojoj en tiu ĉi urbo.
Tiucele la prezidanto de la fervoja festkomitato skribis al la loka fervojista esperantista grupo, ĉu ĝi partoprenos la feston kaj kiel.
Interkonsente kun F.F.E.A. ili respondis, ke la grupo intencas ekspozicii infandesegnojn temantajn pri la fervojo.
Por sukcesigi la planon, niaj kolegoj petas la helpon de la IFEF-anoj. Ĉiu, kiu iel povos kontribui al la materialo, bonvolu baldaŭeble tion sendi al: Turbellier, Pierre, 3 Rue de l'Ile de France, Le Mans, Sarthe, Francio.

## ATENTU PRO LA VAGONAROJ !

La apero de la fervojoj kaŭzis en Francujo kaj en aliaj landoj grandan moviĝon en la-opinioj. Por- kaj kontraŭ-uloj senatente disputis. La kamparanoj kulpigis la lokomotivojn, ke ili terurigos la brutarojn, ke ili bruligos la arbarojn kaj la rikoltojn.

Multaj eminentuloj aliĝis al la malamikoj de la fervojoj.
Adolphe Thiers, tiam ministro, opiniis ke fervojo neniam povos havi praktikan valoron: gia konstruado estas pli scienca amuzo ol vera utileco. Francois Arago, deputito, diris la 14an de junio 1836 en parolado, kiu restis fama, interalie: *Mi senhezite certigas ke ŝvitemaj personoj malsaniĝos dum trairo de tuneloj. Ilin trafos pulminflamoj, pleŭritoj kaj kataroj, se tamen ili sin tiras el la katastrofoj kaŭzataj de la eksplodo de la lokomotivoj*. Kaj la fama fizikisto aldonis: *Ni vidos, ĉu niaj generaloj finfine ne decidos ke transporto en vagonoj havos kiel rezulton virinigi la militistaron, kaj perdigi al ĝi

tiun kapablon longe marŝadi, kiu ludis tiel gravan rolon en la triumfoj de niaj armeoj.

Sed de la Medicinfakultato venis la plej impresigaj argumentoj kontraŭ la diabla inventaĵo de Stephenson.

Eminentaj specialistoj komunikis al la Medicina Akademio longan liston de la malsanoj, kiuj ŝtelatendos la fervojajn oficistojn kaj la uzantojn de la fervojoj. Oni notis, ke la trem-movado de la vagonoj devos degeneri en nervmalsanojn tiajn, kiaj estas *danso de Saint-Guy* histerio kaj epilipsio. Kaj la timo de konstanta danĝero estos kaŭzo de cerbaj malsanoj.

Pri veturado de Parizo al Marseille en malpli ol 24 horoj, kiel antaŭdiris utopiistoj, oni ne devas pensi.

Momenta transiro de klimato en alian nepre devas havigi sur la spiraj organoj mortigan efikon. Rapida ŝanĝo de nutraĵoj naskas dispepsiajn statojn, kiuj necesigas tujan rehejmigon.

Tiuj kuracistoj ne imagis al si, ke en tiu mallonga tempo oni povus transiri de butera kuirado al olea kuirado.

Ginekologo anoncis al la gravedaj virinoj ke fervoja vojaĝo tuj okazigas aborton. Kaj tiuj, kiuj ankoraŭ ne estis gravedaj definitive rezignu pri ĉia espero patriniĝi, se ili eniras vagonon.

Tiuj malgajaj antaŭvidaĵoj skuis la publikan opinion. La registaro decidis ĝisfundan pristudon. La kuracistoj, kiuj ricevis tiun taskon, ne tute perdis sian tempon. Klopodante kontroli ĉu la rapida sinsekvo de la bildoj kaŭzas retinflamon ĉe la vojaĝantoj, kiel certigis scioplena okulkuracisto, ili malkovris .... daltonismon.

Tradukis el Medicina gazeto

D-ro Kempeneers.

## TITANIO

En la Kanada Radio inĝeniero Borge Tindbaek faris prelegon pri la metalo titanio, kaj kiam mi aŭdis ĝin, ŝajnis al mi, ke ĝi supozeble havas intereson por fervojistoj, Tial mi skribis al la Radio Kanado kaj petis kopion. Ĉi-sube vi povas legi la tradukon.

En la tre okupata industri-urbo Sorel en la provinco Qubeck, Kanado, ĉ. 80 km orienten de Montreal ekfunkciiĝis nova multmilion-dolara industrio por utiligi defal-materialon, konatan laŭnome Titani-skorio. Ĝi vere estas tiom nova, ke la plimulto de la kanadanoj nenion scias pri ĝia ekzisto, kaj nenion oni faris por konservi la industrion sekreta. Jam nun elfluas de tie ĉ. 35 milionoj da dolaroj en la kanadan mastrumadon; sed tio estas nur komenco, kaj ne pli frue ol en la fino de la jaro la entrepreno estos tutproduktiva.

Titanio estas konata kiel mirindaĵ-metalo. Kaj estas tre granda mendado al porpacaj celoj kaj same al la armilfarado. Titanio, aŭ tit-

ani-skorio estas verdnigra ŝtofo el ferarcoj konata kiel ilmenito

La sedimento de ilmenito troviĝas amase sur 4000 km2 areo en la regiono de lago Allard, la orienta parto de Qubeck - preskaŭ mil km de Sorel. La erco estas transportata al la fandfornoj de la Sorela uzino per trajnoj kaj prametoj. Sorel, urbo ĉ. 15000 loĝantoj, situas apud la rivero Sankta Lawrenco.

Ordinare la skorio estas konsiderata kiel defalaĵo (rubo) kaj estas forĵetita. Sed ne tiel pri titani-skorio. Reale ĝi pli valoras ol la fererco, el kiu ĝi estas prenita. Titanio ne estas nova metalo. La leksikono montras, ke ĝi estis konstatata en la jaro 1791 en ilmenit-erco, trovita en Kornwall, Anglio. Sed de post tiu tempo ĝia ekzisto estas konstatita en pluraj aliaj landoj: Usono, Ruslando, Afriko, Japanio, Sudameriko kaj nun en Kanado. Escepte tiun en Quebec, la trovitaĵoj estas kun nur eta enhavo da titanio.

La produktado de titanio en Kanado ne estis ekfunkciigata de tago al tago. En pli ol 50 jaroj estas konate, ke en la regiono de Allard -lago ekzistas giganta sedimento da ilmenito; sed la klopodo por eligi la skorion el la erco montriĝis esti neebla, ĝis kiam firmao el Usono venis. Estis en la jaro 1948 du amerikaj firmaoj: New Jersey Zinc & Kanacott Copper, unuiĝis pri fondado de Quebec Iron & Titanium Corporation, kaj estas tiu firmao, kiu havas la respondecon de la Kanada entrepreno. Esplorteamo estis sendita al la regiono de Allard-lago, kaj provoj montris, ke estas kvanto sufiĉa minimume dum 100 jaroj.
La min-funkciado por eltiri la ercon ekis en 1950. La uzino en Sorel estis komencata la saman jaron. Frue en la jaro 1951 estis la produktado de titanio por industria kaj armila uzado relative nur malgranda - malpli ol 200,000 da tunoj jare.

En la Sorel-uzino estas uzata 5 fandfornoj por disigi la titanian skorion el la fererco. La erco estas metata en la fornon. La fero fandiĝas, malleviĝas al la fundo, kaj de tempo al tempo ĝi estas eligita tra truo. La skorio, kiu enhavas iom da fero kaj malpuraĵon de la erco, fluas sur la fanditaĵo, same kiel kremo sur lakto. Kiam la skorio estas elprenita, ĝi koagulas. Poste ĝi estas frakasita kaj transportita al la industrio.
La titani-skorio frakasita povad esti uzata multcele. Kiam ĝi estas kemie prilaborita, ĝi fariĝas blanka kaj estas edeala kiel farbo, blanka pneumamatiko, emajlo, vizaĝpudro kaj multe da aliaĵoj. Gi estas uzebla kiel substanco de silkŝtofo. Titanio kiel metalo estas tio, kio valorigas ĝin estonte en la armilindustrio. Titanio estas 40% malpli peza ol ŝtalo, kaj same kiel plateno ne povas efloreski.
La kompetentuloj estas konvinkitaj pri la uzebleco por ĵetmotoroj, tial ke ĝi estas tre uzforta kaj rezistkapabla kontraŭ varmo. Ĝi estas ankaŭ bona por forta tankarmado. Ĝi estas pli rezista kontraŭ trapenetro ol ŝtalo el sama diko (dimensio). Estas planite uzi ĝin por ŝipkorpoj, ĉar ĝi rezistas kontraŭ salakvo.

La plej grava malhelpo por ordinara uzado estas la alta prezo, unu kg. po 10 dolaroj. Ankoraŭ la metalo estas en la provstadio. Multe da eksperimentoj oni faris en Kanado kaj Usono. Kaj kiam la produktado

estos ne tro kosta, la metalo estonte estos avantaĝo por la popolo en Kanado kaj aliloke - vivate ne nur de armada vidpunkto, sed ankaŭ por fabrikado de malpeza, ne eluzebla ilaro kaj objektoj por la hejmoj.

Kial estas titanio tiom grava ? Sciencisto klarigis tiel: Inter la metaloj, kiuj estas uzeblaj por konstruado, estas vasta diferenco inter aluminio kaj ŝtalo. Dum kiam aluminio estas malpeza kaj facile formebla kaj prilaborebla, havas relative etan forton kaj povas efloreski, la fero povas esti alojita ĝis granda forto kaj rezistkapabla kontraŭ efloreskado; sed ĝi estas tre peza.
Titanio havas la econ: ĝia pezo estas inter aluminio kaj fero; ĝia forto estas same kiel nerustebla ŝtalo. Tial estas facile konstati, kial tiu metalo bone taŭgas por objektoj al flugmaŝinoj, ŝipoj, teksmaŝinoj sportiloj k.m.a.

Jico.

**A la redaktoro**

Kara kolego kaj amiko- Unue mi deziras danki vin pro via bona redaktado de nia Bulteno, kiu nun pli kaj pli devigas nin atendi la aperontan numeron. La artikoloj estas meritplenaj kaj bone elektitaj.
Via artikolo "Postkongresa Laŭdo Kritiko Konsilo" estas vere instiga al la venontaj LKK-oj, kaj admonas la kongresanojn.
Mi tradukis iujn de la artikoloj kaj sendis ilin al niaj fakgazetoj. Sed ĝis nun mi ne vidis ilin presitaj.

J. C.

## EL LA GAZETARO

**El Aŭstralio** ni ricevis la dudek okpaĝan ĵurnalon *Trains*, tute dediĉita al la centjara ekzistado de la Aŭstraliaj fervojoj. Biloj pri la unua lokomotivo ĝis la plej modernaj Diselelektraj ornamas la paĝojn kun tekstoj kaj interesaj artikoloj. Sendube la ĵurnalo taŭgas por nia vojaĝanta ekspozicio.

Niaj Jugoslavaj amikoj sendis la sindikatan Gazeton * TPAHCNOPT = *TRANSPORTO*, en kiu aperas regule leciono en Esperanto. La kurso estas gvidata de nia amiko Sekerés el Beograd.

La Revuo de la Baltimore-Ohio Fervoja Kompanio * Band O magazine* en Usono, enhavis en la Septembra Numero 1954 tre interesajn bildojn pri Fervojaj aferoj.

En Bulletin des CFF de Oktobro 1954, ilustrita fervoja organo, de la Svisaj Fervojoj, aperis anonco pri Esperanto-kurso en kelkaj lokoj. Krome la anonco donis kelkajn informojn pri nia pasinta kongreso en Verona kaj pri nia estonta kongreso en Zürich.

En Revuo ESPERANTO Internacia, oficiala organo de UEA, de Oktobro 1954, aperis mallonga raporto pri la Faka kunsido de IFEF dum la UEA-kongreso en Haarlem, Nederlando.

# LISTO DE LA ESTRAROJ KAJ LOKAJ REPREZENTANTOJ

## I.F.E.F.: ĈEFESTRARO

Prez: W.Stapel, Woubruggestraat 25/II, Amsterdam.(W), NEDERLANDO.
Sekr: J.LOK, Orteliusstraat 108/III, Amsterdam.(W), ,,
Kas : W.Biesheuvel, Cerampl ein 30/I, Amsterdam.(O), ,,
Red : K.G.J.de Jong, von Liebigweg,26, Amsterdam.(O), ,,

## LANDAJ ESTRAROJ

**Aŭstralio:**

Prez: W.O.Sinclair, 13 Murray Avenue, Preston. (Victoria).
Sekr-Kas: E.Crowe, 102 Shaftesbury Street, Coburg. (Victoria).

**Aŭstrio:**

Prez: J.Bürger, Starhembergstrasse 15, Linz (D).
Sekr: A.Angemayer, Hugo Wolfstrasse 6, Linz (D).
Kas : F.Huber, Ziegeleistrasse 77, Linz (D).
Red : J.Wieshofer, Oftering 37, beiLinz.(Ne eldonas propran organon).

**Belgio:**

Prez: A.F.Beirens, Statieplein 27, Lokeren.
Sekr-Kas: L.de Bruyne, 42 rue de la Station, Quenast.

**Britio:**

Prez-Sekr-Kas: Cl.S.Parry, 80 Sheringham Avesnee, Southgate, Londono. No.14.

**Danlando:**

Prez: J.Kensing, Stadionalle 20, Aarhus.
Sekr: P.A.Jacobsen, Byvangsalle 20, Viby/J.
Kas : Eigil Sørensen, Hammershusvej 36, Aarhus. (Ĝirokonto 71044)
Red : K.Stampe, Rosengaarden 11, Aarhus.

**Francio:**

Prez: F-ino G.Lemonnier, 17 rue Emile Agier, Asnieres (Seine)
Sekr: R.Coyac, p/a rue de Milan 11, Paris 9e.
Kas : Pilleboue, 10 rue George V, Maisons Lafitte.
Red : G.Delaquaize, 6 rue des Chasseurs, Argenteuil (S & O)

**Finlando:**

Prez: Yrjö Louhevirta, Hämeentie 70.B.38, Helsinki P.
Sekr-Kas: A.Ruhanainen, Helsinginkatu 6.B.50, Helsinki P.

**Germanio:**

Prez: Wilhelm Lang, Fuchshohl 98, Frankfurt-Griesheim.
Sekr-Kas: E.Ebeling, Bielfeldtstrasse 13, Hamburg-Altona.
Red: J.Giessner, Frötelstrasse 47a, Bielefeld.

**Hispanio:**

Prez: J.Puertolas, Tarragona 23, Prol Izda-Zaragoza.
Sekr: D.M.Berges, Cno Monzalbarba 43, Zaragoza.

**Italio:**

Prez: G.Zacconi. Piazza Medaglie d'Oro 3
Sekr: L.Fontana, Via Tito Speri 8, La Spezia.
Kas : Licofonte Ezio, Via Vecchia Bassa, Pegazzano (La Spezia)

**Nederlando:**

Prez: J.J.Labordus, Kenaustraat 26, Zuilen.
Sekr-Red: G.G.van Veldhuizen, Cremerstraat 166, Utrecht.
Kas: J.A.Vermaak, Rijnlaan 197, Utrecht.

**Norvegio:**

Prez: M.Carlsen, Markveien 23/II, Oslo
Sekr: Odd Kolbrek, Toijengatan 21 B/I, Oslo
Kas: J.Sundhagen, Delenengatan 29/IIII, Oslo

**Sarlando:**

Prez: Oskar Höh, Goethestrasse 13, Hombrug.
Sekr: F.Kummutat, Am Hochrech 51, Homburg.
Kas: B.Gerhardt, Saarbrückerstrasse 81, Homburg.

**Svedio:**

Prez: Hjalmar Olssen, S:t Eriksgatan 85,.Stokholmo Va.
Sekr: Bertil Örtengren, Schultz väg 39, Ulriksdal
Kas : Josef Nordin, S.J. bost 9/I, Ulriksdal.

**Svislando:**

Prez: H.Bipp, Oberwiesenstrasse 6a, Zurich 6/67
Sekr: W.Sonderegger, Albertstrasse 3, Zurich 5.
Kas: H.Noll, SouschefablöserKirchstrasse 14, Wallisellen.

# LOKAJ REPREZENTANTOJ

## BELGIO:

LOKEREN:
Hubert Audenaert. (substaciestro)
Kouterstraatje 6.

QUENAST:
L.de Bruyne, 42 rue de la Station, Telefono 982-88.53. Deĵoradas en la Centralstacidomo de Bruselo. Telefono 911-1012.

## BRITIO:

CROOK, CO DURHAM:
J.Clark, (Lokomotivestro) 15 Wear Valley Junction.

GLASGOV: N.O.
Harvey. Petro, 52 Murano St.

MARCH, CAMBS:
B.Horwood, 85 Deerfield Road.

MANCHESTER, SWINTON: (kaj Distrikto)
A.Bent, 30 Knowsley Drive.

PURTON, SWINDON-WILTSHIRE:
S-ro Curtis, Station House 4, New Road.
Telefono Purton 228

## ĈEĤOSLOVAKA RESPUBLIKO:

DĚĈIN V:
Jaromir Babiĉka, ul J.S. Baara 20.

RUMBURK:
Jan Zemek, Strato Palackého 23.

## Danlando:

AARHUS:
Johs. Christoffersen, Rosenvangsalle 20, Viby.
Charles V.Jensen, Skernvej 2.
N.C.Thorsted, Kaalundsvej 3.

ENGESVANG:
E.Mertner, Engesvang Stationen.

FREDERICIA:
Aage Lind, Trekanten 8.

GLOSTRUP:
E.H.Olsen, Glostrup Stationen.

HILLERØD:
Ejlif Andersen, Hyrdebakken 4-A.

KOBENHAVO V:
L.Kongsvang, Enghavevej 65.

KOLDING:
Kynde Nielsen, Aagade 15.

ODENSE:
E.L.H. Kristensen, Hannerupgaardsvej 54.

## FRANCIO:

NANCY (M.THE & M.ELLE)
Jean Chapellier, 43 rue Palissot.
Deĵoradreso: 38 Avenue Foch, PTT-telefono 28-32 (peti numeron 54) Fervoja telefono 771.

VILLIEU (AIN):
S-ro Giovenal, preta gvidi tra mezepoka urbeto *PEROUGES*.

## FINLANDO:

TURKU (ABO)
Oiva Kanerva, Rautatie-Asema.

## GERMANIO:

DUISBURG-WEDAŬ:
Petro Hermanns, Zur Wolfskuhl 43, Deĵoradreso: Stacidomo Duisburg-Wedaŭ, Telefono (nur Fervoja reto) 829/466.

FULDA (16):
Fritz Lautenbach, Abtstor 21, Deĵoradreso Fahrkartenausgabe und Gepäckabfertigung. (16) Fulda, Bahnhof. PTT-telefono 2541/583, deĵortelefono 176.

FULDA (16)
Gustav Perlwitz, BOJ, Künzellerstrasse 62
Deĵoradreso: Stacidomo Fulda, Deĵortelefono 122.

HAMBURG-ALTONA:
Fritz Hartjen, Hahnenkamp 9 V.

HILDERS (16) (RHÖN):
Wilhelm Barnickel, Bahnhofstrasse 25.
Deĵoradreso: Stacio Hilders (Rhön) PTT-telefono 10, deĵortelefono72/51 de Fulda.

KASSEL-NDZW (16)
Joseph Bode, Techn. Angesteller, Wilhelm Markerstrasse 18, Deĵoradreso: Bundesbahndirektion Kassel, Maschinentechn.-Büro, ĉambro 323, deĵortelefono 1494.

LÜBECK (24a)
Friedrich Bruns, Sachsenweg 2, Deĵoradreso: Trafikkontrolejo I en Lübeck, telefono 202.

OSNABRÜCK:
Otto Rieckhoff, Hauptstrasse, Lemförde bei Osnabrück. Deĵoradreso: Bundesbahnverkehrsamt Osnabrück.

OFFENBACH (MAIN):
Otto Denk, Landgrafenring 17, Deĵoradreso Bundesbahn-Amtmann, Platz der Repŭblik, Bundesbahn-Direktion Frankfürt, Telefono 5788.

RECKLINGHAUSEN:
Josef Waldmann, Hummeltenbrink 2, Deĵor-Adreso: A.W. Recklinghausen, Telefono. 406.

SCHWERTE (RUHR):
Gerhard Schneider, Lichtendorferstrasse 2, Deĵoradreso: Stacidomo Fröndenberg, deĵortelefono 812.14. ( Fervoja regiono Wuppertal.

## ITALIO:

BOLOGNA:
Zacconi, cav. Giuseppe, Piazza Medaglie d'Oro, 3.

FORLI:
La Mura, Ottavio, Via A.Volta, 7.

LA SPEZIA:
Fontana, p.i. Luciano, Via Tito Speri, 8

MANTOVA:
Zaniboni, Eros, Viale Belgioioso, 13.

MILANO:
Quarone, Giuseppe, Viale Col di Lana, 4.

NAPOLI:
Sorgetti, Giuseppe, Via Tenucci, 118.

PISA:
Casini, Giovanni, Via S.Maria, 91.

ROMA:
Filippi, Rag. Ermanno, Via Tagliamento76

TARVISIO:
Vannucchi, Raffaele, Stazione F.S.

TORINO:
Borione, Dott. Carlo, Via Saluzzo, 44.

TREVISO:
Toso, Dorino, Dosson di Casier (Treviso)

TRIESTE:
Rose, Giacomo, Via Tor S.Lorenzo, 10.

UDINE:
Zoratti, Angelo, Via Codroipo, 12

VERONA:
Corso, Gino, Vicolo Madonnina, 9.

VICENZA:
Petris, Primo, Viale dei Mille, 16.

VOGHERA:
Carena, Carlo, Via del Popolo, 23.

## NEDERLANDO:

AMSTERDAMO:
A.J.Sannen, Valentynkade 16/III, Telefono 56699.

HAGO:
J.Volkers, Laakkade 155.

GRONINGEN:
K.Koster, Seringenhof 28.

ZWOLLE:
W.Gelderman, Willem Barentszstraat 70.

## NORVEGIO:

DRAMMEN: (50 km. okcidente de Oslo)
Per Engen, Nordahl Bruunsgt.10/I. Deĵoradreso: Putekontoret, Dc.kontor, Telefono Drammen 4280 linio 468.

## SARLANDO: *HOMBURG*.

Oskar Höh, Goethestrasse 13, Homburg.

## SVEDIO:

HÄLSINGBORG:
Erik Bengtsson, Jönköpingsgatan 35c/III.

## SVISLANDO:

AARAU:
Hans Hunkeler, Girixweg 31.

Aldono al *Bulteno* no.3, Januaro 1955.

# KONGRESA REGULARO

S-ro Walder sendis al ni ĉi suban *PROPONON POR KONGRESA REGULARO*. La landaj estraroj bone pristudu ĝin, por ke en Zurich ni definitive decidu pri ĝi. Eventualajn ŝanĝojn oni sendu plej eble baldaŭ al nia Ĝenerala Sekretario.

**KONGRESA REGULARO DE INTERNACIA FEDERACIO DE FERVOJISTAJ ESPERANTISTOJ**

1. La IFEF-kongreso estas internacia manifestacio de la esperantistaj fervojistoj. Ĝi celas fortigi la dolidarecon inter fervojistoj, progresigi tiun fakan movadon kaj studi ĝiajn problemojn.

2. La kongreso pritraktas la jarraportojn kaj la proponojn, fiksas la kotizon kaj elektas estraron, komitatojn, la lokon de la sekvanta kongreso, provizore la lokon de la postsekvanta kongreso kaj la temon por fakaj prelegoj. (ev.: la kongreso pritraktas la laŭstatutajn taskojn).

3. Ordinare okazas unu IFEF-kongreso en ĉiu jaro, se eble en majo. La kongreso devas esti invitata de la landa fervojista organizaĵo esperantista.

4. La kongreso decidas pri la loko de la kongresoj, la federacia estraro pri traktaĵoj kaj laborplano, kaj interkonsente kun LKK pri la dato de la kongreso.

**Organizado.**

5. La kongreson organizas Loka Kongresa Komitato (LKK), elektita de la estraro de la landa IFEF-organizaĵo, kiu invitas la kongreson.
Laŭeble LKK konsistu el: prezidanto, vicprezidanto, sekretario, kasisto Por kontroli la librotenadon kaj aprobi la finan bilancon estu elektataj du kaskontrolantoj.

6. Ordinare okazas dum IFEF-kongreso la jenaj aranĝoj, organizitaj de IFEF-estraro kaj LKK kune: inaŭguro, laborkunsidoj, fakaj prelegoj, fakaj ekskursoj.

7. La kongres-programon starigas LKK, interkonsente kun la federacia estraro, kiu findecidas pri ĝi.

8. Al la IFEF-kongreso rajtas aliĝi ĉiu Esperantisto kaj amiko de Esperanto, kiu rekonas la kongresan ordon, submetiĝas al la leĝoj de la lando kaj nenion faras, kio povas malutili al la kongreso kaj movado.

9. Por publikigi la adresojn de la kongresanoj necesas la konsento de la federacia estraro.

10. LKK eldonas kongresan libron, kiu enhavu la oficialan programon, la traktaĵojn de la laborkunsidoj, programon por la fakaj prelegoj ktp. La kongresa libro estu sendata almenaŭ unu monaton antaŭ la kongreso al la aliĝintoj.

**Financoj.**

11. La kongreskotizon fiksas LKK, interkonsente kun la IFEF-estraro. Tri semajnojn antaŭ la kongreso LKK ne plu akceptas aliĝilojn.
La kotizo por familianoj de kongresano kaj por profesiaj fervojistaj lernantoj estas la duono de la cititaj sumoj.

Kiel simpatiantoj povas aliĝi esperantistoj kaj favorantoj de la esperantomovado. Kotizon kaj rajtojn fiksas LKK.

12. Senpagaj kongreskartoj estas donataj al la federacia estraro, al honoraj membroj de IFEF, al la anoj de la LKK kaj al maksimume 15 lokaj helpantoj.

13. La anoj de la federacia estraro havas dum la kongreso senpagan tranoktejon, pagatan el la kongresa kaso.

14. La kongresa budĝeto devas ricevi la aprobon de la federacia estraro. Nepra respekto de la budĝeto estas tasko de ĉiu LKK-ano.

15. El eventuala monprofito de la kongreso 1/3 iras al la federacia kaso favore de la bulteno, 1/3 al la kaso de la landa organizaĵo, 1/3 al la loka fervojista esp-grupo, aŭ se tia ne ekzistas, ankaŭ al la kaso de la landa organizaĵo.

16. En kazo de deficito rezulte de la kongreso, LKK estas respondeca pri likvido de ĉiuj ŝuldoj.

17. Plej malfrue 6 monatojn post la kongreso, LKK devas prezenti al la federacia estraro reviziitan finkalkulon pri ĉiuj spezoj de la kongreso.

**Fakaj prelegoj.**

18. Por altigi la kulturan kaj fakan nivelon de la kongreso, la programo devige enhavu fakajn prelegojn.

19. La temo de tiuj prelegoj povas esti ĉu teknika ĉu socia, kaj ĉiam estu elektata en la antaŭjara kongreso, el proponoj de la rektorato.

20. Organizado kaj gvidado de la prelegoj estas komisiata al komisiono (rektorato), konsistanta el minimume 1 membro de la federacia estraro, 1 membro de LKK de aktuala, kaj 1 membro de la LKK de la sekvanta kongreso.

21. La aligintaj landaj organizaĵoj estas devigataj funde esplori la elektitan temon, verki pri ĝi artikolon kaj disponigi ĝin en 30 kopioj en norma eŭropa formato 30/21 cm, al la rektorato.

22. La rektorato disdonas la artikolojn al la landaj organizaĵoj, kiuj verku post la kongreso resumon, prezentotan al fervoja direkcio kaj fervojista sindikato de sia lando.

23. Helpe de tiu artikolo estu verkata konciza teksto, kiu de laŭeble bona oratoro estu prezentota dum la kongreso. La paroladoj daŭru po lando 10-15 minutojn, kaj la prezentigo okazu laŭeble libera. Nura laŭtlegado nebone efikas je la ĉeestantoj.

24. Informilo de la rektorato estas la IFEF-bulteno.

25. Ŝanĝoj en la IFEF-regularo, kiuj rilatas ĉi tiun kongresregularon, aŭtomate validas ankaŭ por ĝi.